# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

42a JARO — OKTOBRO 1950

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*

*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1950 - nº 5 -**

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :

—— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) ——

# 35a Internacia Kongreso de Esperanto

**Parizo, 5-12 Aŭgusto 1950.**

El 35 landoj veturis al la « lumurbo » pli ol 2.300 esperantistoj por soleni sian 35an kongreson.

De vendrede vespere, multaj jam estis surloke, svarmante brue kaj ĝoje en la granda halo de Sorbonne, rapidantaj por liberigi sin de la kutimaj alvenaj formalaĵoj : stampado de la kongreskartoj, ordigo de la monaj demandoj, disdonado de la dokumentoj, k. a.

**Sabate** la tuta kongresanaro videble okupas la akceptejon. Amikoj kaj korespondantoj vagadas serĉante unu la alian. La nesukcesintoj uzas la rendevutabulon, organizitan laŭ la modelo inaŭgurita pasintan jaron en Bournemouth. Kaj kiam venas la horo de la interkonatiĝa vespero, tiu ĉi preskaŭ ne plus estas necesa sed tamen okazos, pro tradicio, je la 20.30 h. en kvar rezervitaj salonoj, kiujn la kongresanoj povos esplori tute laŭplaĉe.

La sorbonajn pordojn ŝlositajn, la interkonatiĝo estas pliprofundigata, antaŭ glaso de korvarmiga vino aŭ de ŝaŭmanta biero, en la kafejoj de la ĉirkaŭaĵo, meze de tiu atmosfero unika de pariza bulvardo dum somervespero, en kiu brakseĝo sur teraso ŝajnas nekompareble pli alloga ol lito.

**Dimanĉe matene.** Solena malfermo de la kongreso. La granda amfiteatro de la Sorbonne, unu el la plej vastaj kaj imponaj de Parizo, estas plenplena kiam, je 9.30 h., eksonas la « Marseillaise », la franca nacia himno. Ĝeneralaj ekstaro kaj silento.

... Kaj jen la oficialuloj sur la podio, proksimume 50, sidantaj ĉe longa tablo sur malantaŭaj seĝoj.

S-ro G. Warnier, prezidanto de la L. K. K., salutas kaj dankas la partoprenantojn kaj ankaŭ tiujn kiuj kontraŭvole ne povas ĉeesti la kongreson.

Sekvas lin, ĉe la mikrofono, S-ro Malmgren, prezidanto de U. E. A.

Li ĝojas pri la nombro de la kongresanoj, la plej alta en la lastaj 25 jaroj. Li bedaŭras la foreston de S-ino Wanda Zamenhof kaj de S-ro Ludoviko Zamenhof, bofilino kaj nepo de la aŭtoro de Esperanto, kaj proponas, sub aprobaj aplaŭdoj de la ĉeestantaro, ke la kongreso sendu al ili saluttelegramon.

Li rapide nombras kelkajn rezultojn akiritajn dum la pasinta jaro en diversaj landoj, ĉefe pri oficiala rekono de esperantaj kursoj subvenciitaj. Sed, li diras,

HET PROBLEEM DER TALEN... EN CHAUVINISME, blz. 42.
— LA GUERRE DES LANGUES A L'O. N. U., p. 42. —

ni ne devas atendi ke Esperanto estu tuj oficiale rekonata ĉie: tio estus salto de la teretaĝo ĝis la tegmento; ni devas nur supreniri ŝtupon post ŝtupo; kaj li oficiale malfermas la kunsidon.

Salutas nun la kongreson, en Esperanto, tri **oficialaj reprezentantoj de la franca registaro**: S-ro Fréchet, honora profesoro de la Scienca Fakultato, reprezentanto de la franca Ministro por Edukado, S-ro Dusausoy, membro de la festkomitato de Parizo, reprezentanto de la Ministro por Komerco, kaj S-ro P. Saint-Cyr, reprezentanto de la Ministro por Poŝto, Telegrafo kaj Telefono.

P-ro Jean Thomas, **reprezentanto de Unesco**, estas la unua kiu ne salutas rekte en Esperanto sed devas uzi la francan lingvon. Li deklaras, i. a.:

« Estas tre multaj punktoj komunaj al Esperanto kaj Unesco. Estas nekonteste ke la aŭtoro de Esperanto ne volis fari nuran lingvan laboron, sed lingvon kiu jam multe helpis al proksimigo de homoj el ĉiuj landoj. Esperanto ebligis tradukon de ĉefverkoj el la universala literaturo kaj disvolviĝon de la homara idealo. La moralaj fortoj por paco kaj interkompreno ne estas tiel nombraj ke ili povas ignori unu la alian. Jen kial Unesco esprimas sian admiron por viaj ideoj kaj idealo de paco. »

F-ino Huguette Royer tradukas esperanten la franclingvan paroladon de P-ro Jean Thomas.

Je la nomo de siaj **respektivaj registaroj**, salutas poste la kongreson reprezentantoj de la sekvantaj landoj: Aŭstrujo (D-ro Hugo Sirk), Belgujo (D-ro P. Kempeneers), Brazilo (S-ro Guimareas Rosa), Nederlando (S-ro Isbrucker), Norvegujo (Kapitano Bugge-Paulsen), Svedlando (S-ro Halmer Almen). Urugvajo (S-ro Franco Rossi) aliĝos poste al tiu salutesprimo.

Kaj jen ekstaras Profesoro Ivo Lapenna por prononci la **festparoladon**.

Alta, bela, elokventa, tiu favorato de la Dioj forpuŝas la mikrofonon. Lia natura voĉo sufiĉos. Racio kaj poezio fluadas akorde el liaj lipoj, por teksadi frate juvelan oratoraĵon, artan kaj humanan. Vi kiuj ne aŭdis, legu ĝin kaj ne kulpigu la recenziston pri preterlaso. En tia okazo, resumo estus perfido.

Siavice salutas nun la kongreson reprezentantoj de la jenaj **landaj asocioj**: Aŭstralio, Aŭstrujo, Belgujo (S-ino Plyson), Brazilo, Britujo, Danujo, Egiptujo, Finlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Irlando, Israelo, Italujo, Jugoslavujo, Maroko, Nederlando, Norvegujo, Novzelando, Svedlando, Svislando, Usono.

Ĉiuj ekstaras kaj kantas plenvoĉe nian himnon.

La solena unua kunsido de la kongreso estas fermita.

Pro ilia abundeco, ne estas eble priskribi detale ĉiujn aranĝojn de la kongreso. Sekvas nur ĝenerala skizo pri la okazintaĵoj.

Koncerne la **laborkunsidojn**, por la unua fojo en kongreso kaj laŭ plano adoptita en Bournemouth, la laboro estis dividita en kvar sekcioj: **Esperanto en Lernejoj** (prezidanto S-ro Kennedy, lernejestro), **Sciencoj kaj Teknikoj** (prezidanto D-ro Lapenna), **Internaciaj Intelektaj Interŝanĝoj** (prezidanto Generalo Bastien), **Internacia Trafiko kaj Komerco** (prezidanto S-ro Petit, asekura inspektoro).

Ĉiu sekcio prezentis siajn konkludojn dum la jaŭda ĝenerala kunveno.

La membroj de la 4a **sekcio** (Internacia trafiko) vizitis la ejon de la Asekurkompanio « La France » kaj la kelojn de la « Banque de France ».

Inter la **fakaj kunsidoj**, ni notu, laŭ apero sur la programo: Sportuloj, Ŝakludistoj, Universala Ligo, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, Kristana Esperantista Ligo Internacia, Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio, Internacia Scienca Asocio Esperantista, Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, Framasonoj, Esperantista Komerca Ĉambro, Pacifistoj, Bahaa Mondreligio, Rotarianoj, I. L. E. P. T. T., Policistoj, Esperanta Spiritista Societo, kaj Vegetaranoj.

La **blinduloj** festis aparte sian 20an Kongreson, kun partopreno de 100 aliĝintoj, el 14 nacioj. Lunde ili vizitis Coupvray, la naskiĝvilaĝon de Louis Braille. Vespere okazis koncerto, kies programo konsistis nur el verkoj de blindaj komponistoj.

**Lunde** vespere, antaŭ proksimume 600 kongresanoj, estis inaŭgurata la tria laborperiodo de **Internacia Somera Universitato.**

En sia malferma parolado, P-ro Waringhien substrekis la internaciecon de I. S. U. ne nur el la vidpunkto de la konsisto de la profesoraro kaj publiko, sed ankaŭ pro la fakto ke la sola lingvo uzata estas Esperanto.

Dum la diversaj kunsidoj prelegis :

D-ro Giorgio Canuto, dekano de la Medicina Fakultato de la Universitato de Parma (Italujo), pri la « Serumo pri vereco »;

D-ro Ivo Lapenna, profesoro pri Internacia Publika Juro ĉe la Jura Fakultato de la Universitato de Zagreb (Jugoslavio), pri la « Jura signifo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj »;

D-ro Hugo Sirk, profesoro pri Fiziko en la Scienca Fakultato de la Universitato de Vieno (Aŭstrujo), pri « Ĉu oni povas vidi atomojn »;

P-ro Gaston Waringhien, agregaciulo pri Lingvistiko ĉe la Liceo Lakanal, de Sceaux-Parizo (Francujo), pri la « Internaciaj Poeziaj formoj »;

S-ro Lucien Laurat, eksprofesoro pri Politika Ekonomio ĉe la Universitato de la Orientaj Popoloj de Moskvo (Sovieto), pri « Strukturŝanĝoj de la mondekonomio »;

D-ro Olav Reiersöl, profesoro pri matematiko ĉe la Universitato de Oslo (Norvegujo), pri « Statistikaj miskomprenoj »;

D-ro W. J. Nijveld, inĝeniero pri Ĥemio, pri « Aspektoj de la demando pri prefero kaj aplikado de koloroj »;

Mag. Reto Rossetti, instruisto pri arto ĉe la Mark College de Troon (Skotlando), pri « La problemo de Hamleto ».

La 11an okazis **literatura** kaj **oratora konkursoj.**

La 9an de Aŭgusto, la tuta kongresanaro estis akceptata en la **Urbdomo** de Parizo; delegacioj estis akceptataj, la 8an, ĉe Unesco; la 10an, ĉe la Urbdomo de Versailles; la 11an, ĉe la Komerca Pariza Ĉambro.

Kion diri pri la **distraĵoj** ? La programo estis tiom abunda ke la kongresanoj ofte ne sciis kion elekti : **akvoludoj** en Versailles, la 6an vespere; **kongresa balo,** la 8an; **teo** en Galeries Lafayette, la 9an, posttagmeze; **vespero** en Palaco-Muzeo Louvre, la 9an; **ekskurso** al Versailles, la 10an posttagmeze, **varieta vespero,** la 10an vespere; **ŝipekskursoj** sur la rivero Seine, la 6an kaj la 11an; **ekskurso** tra la urbo, la 7an, la 8an, la 9an kaj la 11an; **vizitoj** al Tour Eiffel, Muzeo Le Louvre (duntage), Panthéon, Moskeo, Katedralo Notre-Dame, k.t.p. ĉiutage; **prezentado** de « Nokto de la viroj » teatraĵo de J. B. Luc, traduko de Marc Darnault, ĉiutage; **verda kabaredo,** prezentado de Raymond Schwartz, la 6an, la 7an kaj la 11an.

El ĉiuj tiuj festaĵoj, kiujn figurojn, kiujn scenojn elvoki ?

Ĉu la svedajn popoldancistojn ? Ĉu iliajn samlandanojn ludintajn la mildajn « sonorilojn de Paço » ? ĉu vin, la Tri Graciojn, de la kabaredaj kaj varietea vesperoj, ĉarmajn kolombinojn, kiuj kantis en Esperanto kaj « ludis » laŭ tiom rava maniero, malnovajn francajn kantojn ?...

Kaj jen venas la **ferma kunsido.**

Pli melankoliaj sonas la paroloj sur la podio. Ili jam havas antaŭguston de adiaŭo.

Lastan raporton faras D-ro Kempeneers, vic-prezidanto de U. E. A., pri la laboro de la U. E. A.-Komitato dum la semajno. Sed ankaŭ ion plian faros poste la parolinto. Pere de ruĝiĝanta knabineto, li prezentas rozbukedon al S-ino Malmgren, simbole esprimanta per tiu gesto, la dankon de la tuta kongresanaro al la « Kongresaj vidvinoj »; al ĉiuj edzinoj de la U. E. A.-Komitatanoj, nehelpeble disigitaj de siaj edzoj, pro ties deĵoro en la altaj instancoj de la movado.

Nun simpatia voĉo de virino aŭdiĝas; ĝi invitas la samideanaron al la **estonta kongreso,** en München.

... Kaj la granda **verdstela flago,** kiu ĝis nun pendis super la podio, falas kiel kurteno sur la scenejon de la 35a Internacia Kongreso de Esperanto.

H. CASTEL.

## LA GUERRE DES LANGUES A L'O. N. U.

La Charte fondamentale de l'O. N. U a prévu cinq langues officielles : l'anglais, le français, l'espagnol, le russe et le chinois. Cela signifie qu'on peut prononcer des discours ou présenter des documents en l'une ou l'autre de ces cinq langues. Mais la traduction des discours et des documents, ainsi que les publications émanant de l'O. N. U., sont faites en « langues de travail » qui, jusqu'en 1949, étaient deux : l'anglais et le français.

L'espagnol, langue officielle, ne tarda pas à réclamer aussi le privilège d'être « langue de travail ». En 1947, la question fut ajournée pour examen. Un an plus tard, le Comité du Budget proposa le rejet, vu que l'emploi d'une troisième langue de travail devait entraîner une augmentation des dépenses d'au moins deux millions de dollars.

Mais les vingt pays de l'Amérique latine avaient pris la précaution de faire accord avec les six Etats arabes et avec les Iles Philippines, l'Ethiopie, le Liberia, la Birmanie, l'Iran et la Grèce; c'est ainsi que l'assemblée générale du 7 décembre 1948 donna, par 32 voix contre 20 et 5 abstentions, gain de cause aux pays de l'Amérique latine.

Naturellement, le russe et le chinois, langues officielles, firent aussi valoir leur droit au privilège d'être langue de travail. De l'avis des Comités d'Administration et du Budget, cinq langues de travail enraieraient complètement le mécanisme de l'O. N. U. Les demandes de la Russie et de la Chine furent rejetées, en mai 1949, par l'assemblée générale. Les choses n'en resteront probablement pas là.

Non seulement les cinq langues officielles veulent être, toutes, langues de travail, mais un Ministre des Affaires Etrangères a mis en évidence l'importance de la langue arabe, en l'employant à la tribune en place d'une langue officielle. L'accord fait avec les vingt pays de l'Amérique latine produit déjà ses fruits ?

(Résumé d'une étude publiée en langue anglaise par M. William Solzbacher, membre du Comité de Recrutement des « speakers » pour l'O. N. U. Il conclut en marquant la nécessité d'une langue neutre internationale.)

La rivalité des langues n'est pas moindre dans d'autres institutions officielles internationales, l'Union Postale Universelle, par exemple.

L'Esperanto est la langue qui convient pour faire disparaître cette rivalité et simplifier sérieusement le fonctionnement des organisations internationales, qui ont grand besoin de « rationalisation ». L'Esperanto est une langue « complète », qui dérive « naturellement » et logiquement des langues européennes. Cette dérivation s'est faite simplement, par abandon des complications « inutiles » d'orthographe, de prononciation et de grammaire; pas « d'absurdes » genres grammaticaux, une seule façon de marquer le pluriel des noms et des adjectifs, pas de déclinaisons, une seule forme de conjugaison des verbes, plus régulière qu'aucune conjugaison dans les langues ordinaires, etc.

L'Esperanto a fait ses preuves durant deux tiers de siècle dans tous les domaines de la pensée, par son importante littérature, et par trente-cinq congrès internationaux, où il a été la seule langue utilisée.

---

## HET PROBLEEM DER TALEN... EN CHAUVINISME

De Universele Post-Unie (U. P. U.), in 't jaar 1874 gesticht, heeft lang zonder moeilijkheden gewerkt. Tot in 1947 was het Frans haar enige debattentaal. De verslagen van U. P. U. waren in de Duitse, Engelse, Franse en Spaanse talen gedrukt op vier parallelle kolommen. Het Congres, te Parijs gehouden in het jaar 1947, heeft het Duits verbannen, alhoewel deze taal gesproken wordt in Bern, zetel van het secretariaat van U. P. U. Het Duits werd vervangen door de Arabische, Chinese en Russische talen (zes talen in stede van vier). De Zwitserse drukkerijen waren niet toegerust om Russisch en Chinees te drukken. De Chinese en de Egyptische regeringen stelden voor zich met het drukwerk te belasten.

Het uitvoer-Comité besloot dus viertalige verslagen uit te geven, en de Arabische en Chinese uitgaven te zenden aan de Postbeheren die ze zouden verlangen. Maar het principe van gelijkheid der talen was zo geschonden; de Chinezen en de Egyptenaren protesteerden.

Eindelijk werd beslist, in 't jaar 1950, de zes delen afzonderlijk te drukken, en ze daarna in één boekdeel te binden; het Franse in de eerste plaats, de andere in alphabetische orde. Het gevolg is tijd-, geld- en werkverlies.

In de internationale vergaderingen kan het probleem der talen niet opgelost worden met het aannemen van zes talen of meer; de onderhorigen van andere talen zouden toch nog in minder voordelige stand blijven; bij voorbeeld, een Italiaan zou nog in Franse vertolking moeten horen wat een Fin zou « trachten » te zeggen in 't Engels.

**Voor wie is Esperanto gunstig ?** Het is een dwaling te geloven dat de grote uitvindingen slechts diegenen aanbelangen, die er rechtstreeks voordeel uit trekken; ieder voelt er de gelukkige gevolgen van, tot in de meest gewone omstandigheden van het dagelijks leven. Bij voorbeeld, iedereen heeft belang in de navorsingen op gebied van geneeskunde, van scheikunde, enz. Nochtans verliezen de zoekers een kostbare tijd indien zij zich niet op de hoogte houden van wat reeds in den vreemde gevonden werd. Deze inlichtingen zijn verspreid in tijdschriften uit verschillende landen; de vertalingen in verscheidene talen zijn zeldzaam, laattijdig en kostelijk; de vertaling in de « hulptaal » alleen kan het bezwaar wegruimen ten voordele van iedereen.

De radiofonische golven, welke zich door gans de wereld verspreiden, worden gehinderd door de verscheidenheid der talen.

In de zittingen waar over het lot der volken wordt beslist, kan het verkeerd gebruik van een woord, of een verschil van uitdrukking, zorgvuldige pogingen tot overtuiging terstond vernielen. Men is dus afhankelijk van tolken die, hoe bevoegd en gewetensvol zij ook mogen zijn, de gedachten, door missing of weglating, verkeerd kunnen uitdrukken buiten wete van de redenaar.

Indien de volken wederzijds hun geestesgesteldheid konden kennen, wat zelden het geval is, dan zouden vele vooroordelen en oorzaken van twisten verdwijnen, en tevens hun vreselijke gevolgen, waaraan men bijna niet denken durft.

---

## TRANSDONO AL O. N. U.
## DE LA PORESPERANTA PETSKRIBO DE U. E. A.

Ĝi okazis la 2an de Aŭgusto en Lake Success. Kvar albumojn enhavantajn ĉiujn kolektivajn subskribojn, kaj la plej gravajn individuajn, akceptis nome de O. N. U. S-ro Benjamin Cohen, de Ĉilio, helpa ĝenerala sekretario de O. N. U., kaj estro de ĝia Departemento por Publika Informado. Entute la petskribo estas farita je la nomo de pli ol 16 milionoj da homoj. Ses membroj de la Esperanto-Delegitaro faris paroladojn en Esperanto kaj en angla, franca, hispana, kaj rusa lingvoj. S-ro B. Cohen diris ke li estas forte impresita pri la flueco kun kiu ses personoj, naskitaj en ses diversaj landoj, parolis Esperanton; li oficiale informos pri la petskribo S-on Torres-Bodet, ĝeneralan direktoron de U. N. E. S. C. O.

S-ro William Solzbacher, prezidanto de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, faris kompletan pledadon por ke O. N. U., reprenante la antaŭajn konkludojn de la Societo de Nacioj, interesiĝu pri la praktika uzado de Esperanto.

---

### FRANCA RADIO KAJ ESPERANTO-KONGRESO

La 2an de Septembro 1950, je 18.15 h., la franca radio dissendis intervjuojn registritajn dum la kongreso. Sinsekve parolis D-ro Kempeneers, P-ro Lapenna, S-ro Jakob kaj P-ro Fréchet. La dissendo finiĝis per disaŭdigo de ario de la tri ĉarmaj « Kolombinoj ».

# BELGA KRONIKO

BRUĜA GRUPO. — La ĉiusemajnaj kunvenoj estis bone ĉeestataj. La 1an de Aŭgusto, F-ino Y. Van Parijs interese raportis pri sia vojaĝo al Romo kaj montris multajn bildojn.

La 8an, la gemembroj ope promenis ĝis « Minnewater » kaj poste faris boatekskurseton sur la belege lumigataj kanaletoj.

Dimanĉon 13an, la grupo ekskursis al la arbaro de Zevenkerke... sed malbonega vetero kaj bedaŭrinda akcidento, kiu feliĉe ne havis gravajn sekvojn, fuŝis la tutan tagon.

Alia ekskurso, Dimanĉon 27an, al Blankenberge, forviŝis tiun malbonan impreson. La partoprenantoj, post admiro de la flora sekvantaro, gaje kunluktis en la konfetibatalo sur la mardigo.

La 5an de Septembro, S-roj Paul Jadem kaj Karlo Poupeye interese rakontis pri sia bicikla vojaĝo al Normandio.

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Ordinara kunveno : ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ».

Oktobro : 3a, F-ino Is. Van Parijs parolos pri « Fabrikado de sukero »; 10a, Lastaj aranĝoj por la balo; 14a (Sabaton), je la 21a, granda balo en la Salonego « Tabarin »; 17a, Raportado pri la balo; 24a, Nova elementa kurso, 1a leciono (la membroj estas petataj fari viglan propagandon por alkonduki al la kurso multajn genovulojn). Post la leciono, interkonatiĝo; 31a, 2a leciono kaj muzika vespero.

Novembro : 7a, 3a leciono, poste prezentado de la « Ora Libro »; 14a, 4a leciono, poste humoraĵoj; 21a, 5a leciono, poste portretludado; 28a, 6a leciono, poste F-ino P. De Milde parolos pri « La Ardenoj ».

Decembro : 5a, 7a leciono, poste S-ta Nikolao-vespero; 12a, 8a leciono, poste kanta vespero; 19a, 9a leciono, poste interparolado; 26a, finjara vespermanĝo.

BRUSELA GRUPO. — Kunvenas regule, ĉiu lunde, je 20.30 h. Ĉe Brasserie Saint Martin, place du Grand-Sablon, 38, Grote Zavel.

*Programo de la estontaj kunvenoj.* — Oktobro : la 2an, je 19.30 h., malfermo de elementa kurso, sub gvidado de S-ino Ernst; je 20.30, parolata jurnalo, disdono de premioj al la laŭreatoj; la 9an, F-ino Obozinski, « Bretona birdo »; la 16an, S-ino Ernst, « Juvelo el la Esperanto Literaturo. Sabaton, la 21an de Oktobro, je la 19a, en « Restaurant du Moulin d'Or », 58, rue des Pierres (apud la Borso), jara festeno, je honoro de nia Prezidanto D-ro Kempeneers (prezo, 100 fr., pagotaj al P. Ĉ. K. 2368.04 de S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan); la 23an, S-ro J. Host, « Ĉielaj kuriozaĵoj » (sekvo); la 30an, S-ino Stern, « Ilia opinio pri... ».

Novembro : la 6an, parolata jurnalo; la 13an, multvespero, partopreno 25 fr.; la 20an, S-ro Alofs, « Aeronaŭtikaj elementaj konoj »; la 27an, S-ro Swinne, komuna korektado de kelkaj paĝoj el « Natura Ekonomia ordo ».

Decembro : la 4an, parolata jurnalo; la 11an, S-ro Castel, « Rabistaj rakontoj »; la 18an, Zamenhofa vespero; la 25an, Kristnaska festeno, ne okazos kunveno.

Januaro 1951 : la 1an, Novjaro, ne okazos kunveno; la 8an, parolata jurnalo; la 15an, S-ino Lecat, « Sekreta Egiptujo »; la 22an, ĝenerala kunveno, raportoj,, elekto de la nova komitato; la 29an, S-ro Van der Stempel, « Artefaritaj havenoj ».

Februaro : la 5an, parolata jurnalo.

CHARLEROI. — Post kelkaj monatoj de malampleksa agado la grupo kunigis siajn membrojn la 10an de Septembro por diskuti la projektojn de la sezono 1950-1951. Oni priparolis la lastan kongreson kaj decidis kunveni regule ĉiun monaton. La proksima kunveno okazos jaŭdon la 5an de Oktobro 1950, je 19.30 h.

GENTA GRUPO komencas sian postlibertempan agadon je la 9a de Septembro. Dufoje en ĉiu monato la grupanoj ricevas kunvokon por venontaj kunsidoj. Al ĉiu kunvoko estas aldonata dulingva propagandilo; la grupanoj estas petataj legigi ilin de konatuloj; ĉiu propagandilo estos diferenca je la antaŭa. Estas memorate ke la librokolektaĵo de la Grupo estas je la dispono de ĉiuj grupanoj, kaj ke tiuj ĉi povas peti korektadon de la Esperantaj verkoj aŭ tradukoj faritaj de si.

VERVIERS. — En « Le Jour » de 19-20 de Aŭgusto, aperis dank'al niaj fervoraj amikoj Ges-roj Herion, pri la 35a en Parizo dukolona ilustrita intervjuo subskribita de redaktoro Heagy. La sama gazeto menciis, la 22an de Aŭgusto, someran kunsidon de la Esperantistoj de la provincoj Liĝo kaj nederlanda Limburgo. Gratulojn !

## KOTIZOJ 1951.

*Kiam tiu kajero eliros el la presejo la laboro en la Grupoj plene rekomenciĝos. Tre grava parto de tiu laboro estas la enkasigo de la kotizoj, necesaj por certigi la vivon de la Ligo.*

*La kasistino de R. B. L. E. faras alvokon al la grupaj kasistoj por ke ili jam nun komencu tiun laboron. La kotizoj restis senŝanĝaj (vidu la tabelon sur la lasta paĝo).*

*Por progresigi nian internacian movadon, ni petas niajn membrojn ke ili klopodu paŝi plian ŝtupon, aliĝante, se eble, kiel membro de la kategorio supera al tiu en kiu ili aliĝis dum la nuna jaro.*

*Ili bonvolu sin turni al la kasisto de sia grupo; la izoluloj pagu rekte al R. B. L. E., Bruselo (P. Ĉ. K. 1337.67).*

*Oni aldonu sur la poŝtĉekpagilo la* NOMON, *la* ANTAŬNOMON, *la* PROFESION *kaj la* KOMPLETAN ADRESON.

## 36a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazos en Munkeno (Germanujo) de la 4a ĝis la 11a de Aŭgusto 1951. Ĝin oficiale invitis la Bavara Registaro kaj la Ĉefurbestro de Munkeno.

N-ro 1 de la Oficiala Bulteno jus aperis kaj donas interesajn informojn pri la programo, la ekskursoj, la loĝejoj, k. c. Frua aliĝo estas konsilinda. La kotizoj estas :

| | Ĝis 31-XII-1950. | De la 1-I ĝis 31-III-1951. |
|---|---|---|
| Kongresano . . . . . . . . . | 210 belg. fr. | 245 belg. fr. |
| Edzino aŭ edzino de kongresano . | 105 » | 125 » |
| Junuloj ne pli ol 20jaraj . . . . | 70 » | 80 » |

Bonvolu resendi la ĉi kunan aliĝilon al Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, kaj pagi la koncernan sumon al ĝia poŝtĉekkonto 13.37.67.

## ANONCETO

S-ro KAICHIRO-FUJIHARA, Hachihama, Okayama-Ken, Japanujo, dek-okjara japana samideano ŝatus korespondi pri ĉiuj temoj kun belgaj samideanoj.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1337.67, Bruselo.*

TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

*Esperanto, langue auxiliaire internationale*, lernolibro de Edmond Privat ... ... fr. 15.—
*La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita de Bernhard Seltzer ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 15.—
*Bonhumoro*, de Paul Nysens, laŭ lia franclingva libro ... ... ... ... ... ... ... 33.—
*Komercaj leteroj*, de C. A. Pruissen ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 14.—
*Interlingvistiko kaj Esperantologio*, de W. Manders ... ... ... ... ... ... ... ... 30.—
*Invito al ĉielo*, de James Sayers ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 110.—
*Medicina Vortaro*, de Briquet ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 100.—
*Esperanto langue des Nations Unies*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... 10.—
10 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 1,50
*Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 25.—
*Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 25.—
*Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4paĝa grand-formata gazeto, n-ro 4, po ekz. ... ... 2.—
Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1 kaj 3.
Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 50.—

*Feuillets encyclopédiques de documentation espérantiste :*

Ni altiras la atenton de niaj legantoj pri tiu tre interesa publikaĵo. Ĝi aperas regule: ĉiu kajero aldoniĝas al la antaŭaj por formi dokumentaron nepre necesan al ĉiu kiu interesiĝas pri nia movado kaj volas ĝin propagandi kun celtrafaj argumentoj.

La enciklopedio estas franclingva. Jam aperis 11 kajeroj. La nuna prezo estas 350 b. fr. Oni povas mendi la enciklopedion ĉe Belga Ligo Esperantista, poŝtĉekkonto 1337.67.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.

*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

*Generala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.

*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.

*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... fr. 80

*Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo al la internacia organizaĵo* :

a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115

b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 170

c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98